## SLOVAKA NACIA REVOLUCIO

En ĝoja kaj libera vivo marŝas la slovaka popolo antaŭen sur la vojo, kiun ĝi ekiris kune kun la frata ĉeĥa popolo en komuna ŝtato — Ĉeĥoslovaka Socialisma Respubliko. La sopiro je tiu ĉi kunvivado estis plej evidente manifestita antaŭ dudek jaroj dum la Slovaka Nacia Revolucio.

La dumtempan nuligon de Ĉeĥoslovaka Respubliko en 1939 akceptis nia popolo kun doloro kaj malamo kontraŭ la iniciatinto de tiu ĉi nuligo — kontraŭ Hitler, kontraŭ la kapitulaciema ĉeĥoslovaka burĝaro. La sintenon de la popolo al la faŝisma reĝimo en la okupaciitaj ĉeĥaj landoj kaj Slovakio esprimis la Komunista Partio de Ĉeĥoslovakio — tuj post la diserigo de Ĉeĥoslovakio — en sia deklaro, ke la ĉeĥa kaj slovaka popoloj batalos kontraŭ la reĝimo de la okupaciantoj kaj koloniigantoj; ke la okupaciita Ĉeĥoslovakio neniam fariĝos fidinda subtenanta teritorio de Hitler. Kiel celon ĝi fiksis la restarigon de Ĉeĥoslovaka Respubliko.

La milita batalo de la slovaka popolo kontraŭ la Hitleraj okupaciaj soldataroj estis proklamita la 29-an de aŭgusto 1944. La plimulto de la slovaka armeo en la centra kaj norda Slovakio aliĝis al la partizanoj. En ĉiuj regionoj, kie ekflamis la Revolucio, la loĝantaro ĝin subtenis. La Revolucio, proklamita per revoluciaj deklaroj en Banská Bystrica, fariĝis tutpopola kaj estis parto de la vasta batalo por la liberigo de la tuta ĉeĥoslovaka popolo, tial ĝi havis grandan resonon ankaŭ en la ĉeĥaj landoj. Ĉeĥaj patriotoj, riskante siajn vivojn, transiradis la landlimojn por partopreni la batalojn en Slovakio. La Revolucio samtempe donis al multaj alinacianoj la eblecon aliĝi al la kontraŭfaŝista batalo kaj tiel, praktike aplikante la ideon de la proleta internaciismo, kontribui al la pliprofundiĝo de la internacia solidareco en la batalo por progresemaj celoj.

Okaze de la dudeka datreveno, ni revivigis al ni la dramecon de la tiamaj historiaj tagoj precipe por ke ankaŭ la pli juna generacio povu ekkompreni la signifon kaj sencon de tiu ĉi batalo; ke ĝi kapablu valortaksi la moralajn ecojn de la batalanta popolo kaj la multflankajn oferojn, kiujn la batalantoj de la Revolucio alportis, kiam estis decidate pri la sorto de la nacio, pri ĝia estonteco kaj sekurigo de ĝia loko inter la liberecon amantaj nacioj.

Slovaka Nacia Revolucio signifas novan, gloran epokon en la historio de la slovaka nacio, aktiva kaj memkonscia, decidiĝinta albatali al si la nacian progreson.

La signifo de tiu ĉi eniro en la novan, grandan epokon de la historio estas des pli granda, des pli valora, ĉar la slovaka nacio efektivigis ĝin kun la helpo de internaciaj kontraŭfaŝistaj fortoj, precipe kun tiu de Sovetunio. Tial apliki la rezultojn de la Slovaka Nacia Revolucio signifas evoluigadi la kreajn klopodojn pri ekfloro de Slovakio en socialisma Ĉeĥoslovakio kaj klopodadi pri interkompreno kaj paca kunlaboro kun ĉiuj nacioj de la mondo.

A. ČAMBÁL

## Rudolf Hromada

En la pasintaj tagoj emociigis nin la sciigo, ke la 26-an de oktobro 1964 mortis s-ano RUDOLF HROMADA en aĝo de 74 jaroj. Lia signifo por nia enlanda movado estas grandega. Li gvidis nian Esperantan Asocion pli ol 40 jaroj. El lia plumo ni ricevis eminentajn tradukojn de niaj klasikaj kaj modernaj poetoj. Dum lia vivo aperis ankaŭ kelke da eldonoj de liaj vortaroj Esperanta-ĉeĥa kaj ĉeĥa-Esperanta.

La ĉeĥoslovaka esperantistaro perdas en li bonkoran homon kaj eminentan esperantiston. Honor' al lia memoro!

# Esperanto-renkontiĝo en Szolnok, Hungario

Ni partoprenis tritagan internacian renkontiĝon en Szolnok. Alveturante stacidomon ni estis agrable surprizitaj. Ĝi estis ornamita per multaj esperantistaj flagetoj kaj unu granda verda flago flugetis gaje en matena aero salutante nin. Esperantista servo en stacidomo vigle funkciis kaj ni estis tre baldaŭ enloĝigitaj en la hotelo. Tie atendis nin plua surprizo — krom la rezervitaj, per esperantistaj flagetoj ornamitaj tabloj en hotela restoracio troviĝis sur ĉiu tablo esperantlingvaj manĝokartoj, laŭ kiuj oni tre facile povis elekti bongustan hungaran manĝajon. Kultura kaj amuza programo estis tre bone preparita. Dank' al niaj karaj hungaraj gastigantoj, kiuj senĉese tre zorgeme ĉirkaŭadis nin, ni sentis nin inter ili kiel hejme.

Dum sekvaj tri tagoj ni vizitis Budapeŝton. Ankaŭ budapeŝtaj geamikoj tre kare zorgis pri ni. Precipe juna samideanino Zsuzsa Hidas (Ĵuĵa Hidaŝ) oferis tri tagojn el sia libertempo por akompani nin tra belega hungara ĉefurbo.

La tuta semajno, kiun ni travivis en Hungario, donis al ni multe da neforgeseblaj travivaĵoj kaj ni danke rememoras ĉiujn bonkorajn hungarajn geamikojn. Ekkoninte la utilecon de E-movado ni entuziasmiĝis por la laboro per Esperanto por la amikeco inter ĉiuj nacioj en la mondo.

Certe baldaŭ ni eluzos la okazon reviziti Szolnokon.

(Kvar aninoj de E-rondeto ĉe psikiatria resanigejo en Jihlava)

# Vizito ĉe samideanoj en Hungario

La 3-an de julio 1964 posttagmeze mi kun mia edzino ekveturis per skutro el Žiar nad Hronom tra Slovenske Darmoty kaj vespere ni jam estis en la ĉefurbo de Hungario.

En Budapeŝto vivas mia frato, kiu min esperantigis kaj kun kiu mi nun parolas nur esperantlingve. Iom stranga aŭ eĉ nekredebla afero, ke du fratoj prefere uzas inter si alian lingvon, ne la gepatran. Do por klarigo: mia frato forlasis Ĉeĥoslovakion antaŭ 25 jaroj kaj kvankam li ankoraŭ iom komprenas la slovakan, paroli ĝin jam preskaŭ ne kapablas. Kaj mi jam dum 17 jaroj havis preskaŭ nenian eblecon paroli hungare, ĉar mia edzino estas Slovakino, sekve de tio mi parolas la hungaran fuŝe. Do antaŭ du jaroj kaj duono mi eklernis Esperanton kaj jam post du monatoj mi ekuzis ĝin en la korespondado kun mia frato kaj ekde nia unua posta renkontiĝo ankaŭ parole.

La sekvan tagon ni forveturis al G y u l a (Djula) por partopreni la 3-an Someran Esperanto-Universitaton kaj dumvoje ni vizitis nian korespondamikinon Ibolya Hável en Szolnok. La urbon Gyula ni antigis vespere antaŭ la 22-a kaj tuj direktiĝis al la akceptejo en la stacidomo, ornamita per grandaj Esperantaj flagoj. La sekvan tagon ni jam frumatene iris trarigardi la ĉarman urbeton situantan apud la hungara-rumana limo. Tuj post la matenmanĝo ni rapidis al la Konsilantara Domo, ankaŭ solene ornamita, kie je la 9-a komenciĝis la inaŭguro de la Somera Universitato. Post la salutvortoj de s-ano Kapitány sekvis tiuj de majstro Julio Baghy. La prelegoj estis interesaj kaj riĉenhavaj. Dimanĉe vespere okazis interkona vespero, kie ni — diversnacianoj — agrable amuziĝis.

La prelegoj okazis ĉiun antaŭtagmezon. S-ano Assen Grigorov, redaktoro de la revuo Bulgario, parolis pri la bulgara folkloro. Li menciis ankaŭ la literaturajn verkojn, tradukitajn en aliajn lingvojn. Ekz. la „Bofilino" de Georgi Karaslavov estis tradukita en plurajn, sed bone nur en la germanan kaj plensukcese en Esperanton, el kiu ĝi estas nun tradukata en la vjetnaman.

Profunde kortuŝa estis la prelego de s-ano Inĝ. Szerekes (Serekeŝ) el Jugoslavio pri la tertremaj katastrofoj en la mondo kaj en sia lando, precipe pri tiu en la urbo Skoplje.

S-anino Borbála Szerémi parolis pri la laboro de la hungaraj virinoj por la nacia kaj socia evoluo. Ŝi menciis la virinojn, batalintajn por la egalrajteco de la virinoj, inter ili pri Kató Kálmán, kiu estis esperantistino.

S-ano Pechan (Peĥan) prelegis pri la metodikaj problemoj de la lingvoinstruado.

La lastan tagon estis dediĉita unu horo por reciproka interŝanĝo de opinioj de la diverslandaj „universitatanoj" pri la ĝusta prononcado kaj akcentado de Esperanto, pri ĝusta kaj bela parolmaniero. Ĉiun posttagmezon kaj vesperon estis aranĝataj diversaj kulturprogramoj, ekskursoj kaj banado en la saniga banejo. Mi devas mencii ankaŭ la bapton de la ŝipo, veturadonta sur la rivero Békés. Ĝi ricevis la nomon „Esperanto" kaj la baptopatrino estis s-anino Hodková el Praha.

Post la argablaj kaj neforgeseblaj tagoj ni veturis ankoraŭ al Szeged, kie nin bonvenigis nia malnova korespondamikino, kiu vespere venigis nin en la klubejon de la Zamenhof-rondeto.

Ni tre volonte revizitos Hungarion, ĉar tie ofte okazadas valoraj kaj sukcesplenaj Esperantaj aranĝoj.

(JOZEFO FEKETE)

## AMIKA RENKONTIĜO DE ESPERANTISTOJ EL KOŠICE KAJ MISKOLC

La 27.—29-an de junio 1964 dekses-membra karavano de la Esperantista klubo ĉe la Parko de kulturo kaj ripozo en Košice, gvidata de sia prezidanto s-ano G. J. Ferko, reciprokis al la anoj de la fervojista fakgrupo „Verda Vojo" de la Hungara Esperanto-Asocio en Miskolc ilian amikan viziton el la jaro 1960.

La miŝkolcanoj bonvenigis la karavanon jam en la stacidomo de Miskolc kaj zorgis pri ĝia komforto kaj bonfarto dum ĝia tuta restado en Miskolc. La interkonatiĝa vespero okazis en la bela Popolĝardeno dum la vespermanĝo, per kiu la miŝkolcanoj regalis siajn gastojn. — La sekretario de la „Verda Vojo" s-ano Francisko Czakó per varmaj vortoj substrekis la amikecon inter la ĉeĥoslovakaj kaj hungaraj esperantistoj. En la nomo de la košicanoj respondis s-ano Ferko akcentante la amikecon inter la ges-anoj de la du urboj Košice kaj Miskolc, kaj dankante al siaj gastigantoj por la klopodoj, per kiuj ili preparis tiun ĉi renkontiĝon, li invitis ilin elkore al la plej proksima komuna kunveno en Košice.

Dum la dua kaj tria tagoj la miŝkolcanoj montris al siaj gastoj la vidindaĵojn de sia bela urbo kaj ĝian ĉirkaŭaĵon.

La miŝkolcanoj estis vere ĉarme atentemaj kaj precipe estas laŭdinda ilia gastamo kaj senfina pacienco kaj zorgemo, per kiu ili aranĝis la tiel longe atenditan amikan renkontiĝon.

Plenaj de plej bonaj impresoj, la košicanoj adiaŭis ĉe la stacidomo siajn karajn gastigantojn per sincera „Ĝis baldaŭa revido en Košice!" GJF

## S-ano IMRO RUTŠEK

Ni renkontiĝis kun li lastfoje en Turčianske Teplice dum ĉi-jara kunveno. Li estis instruisto en Nitrianske Pravno, vigla, iniciatema juna homo, kiu malgraŭ sia izoliteco en submontara vilaĝo ne perdiĝis por nia afero, sed male, agis por krei al si verdan medion; antaŭ nelonge li eklaboris inter la pioniroj en sia lernejo.

Kaj subite venis telegramo: LA 25-AN DE JUNIO S-ANO RUTŠEK MORTIS PRO MOTORBICIKLA AKCIDENTO.

Ĉiuj, kiuj lin konis, tre bedaŭras lian tragikan forpason, ĉar en li nia afero perdas valoran, sindoneman batalanton.

Ni rememoru lin kun samideana simpatio.

## ESPERANTO LAŬ REKTA METODO

Aŭtuno estas la tempo de lingvaj kursoj kaj de fervora propagando de Esperanto. Sur tiu ĉi kampo esperantistoj ofte faras gravan eraron. En la propagando oni pli akcentas la internan ideon ol la lingvon mem. Estas fakto, ke esperantistoj fariĝas vervaj batalantoj de minoritata karaktero. Ke tia propagando estas malbona, ne estas necese akcenti. Ni ne forgesu, ke ankaŭ laŭ Zamenhof Esperanto estas la dua lingvo kaj ĝi ne celas anstataŭi la nacian.

La dua tragedio de la propagando estas nesufiĉa lingvokono. Multaj entuziasmuloj akcentas la facilecon de la lingvo, sed ili ĝin nur balbutas. Pri la supraĵa, neviva scipovo de la lingvo mi ne kulpigas ilin, sed la kursgvidantojn. En multaj kursoj oni instruas nur per enuiga laŭvorta tradukado el la gepatra lingvo. Tial la viva parolo fariĝas por la lernantoj malfacila, ĉar ili nur mense tradukas kaj poste balbute elparolas.

Spertuloj, kiuj instruas la anglan lingvon diras: la ŝvitiga tradukado kaj parkerigado de vortoj ne estas la ĉefa kondiĉo de sukceso. Necesaj estas frazoj tiaj, kiel ĉe infano. Devas esti okupitaj du ĉefaj sensoj: la aŭdo- kaj vidpovo. Ju pli da asociaj elementoj, des pli bona sukceso. Ekzemple en la lernejo la lernantoj ripetas — La 28-an de julio 1914 estis komencita la unua mondmilito . . . Sed tiu, kiu travivis tiun ĉi daton, scias ĝin sen parkerigo. — Jen la kerno de lernado kaj instruado de fremdaj lingvoj, do ankaŭ de Esperanto.

La lernado devas rekte kunlabori en la lernata lingvo kun la instruisto, sen uzado de la nacia lingvo. Ne pene traduki, sed pensi tuj en la lingvo.

Ni esperantistoj jam longe havas la t. n. rektan metodon de Andreo Ĉe, sed ankaŭ multaj kursgvidantoj estas oponantoj de tiu ĉi metodo. Oni ne miru! De la instruanto ĝi postulas profundan konon de la lingvo, sistemon en lecionoj (ekde la komenco la instruanto devas paroli sur la sama lingvonivelo kiel la lernantoj kaj kun ili „progresi"; tial ili havas impreson, ke ili scipovas la lingvon, ĉar ili komprenas kion diras la instruanto).

Por okupi la vidon oni devas uzi diversajn objektojn, la figurojn de diversaj bestoj, bildojn, florojn, fruktojn ktp. La „bestoj" estu bone elektitaj laŭ grandeco, koloro, movo; la tigro ne estu pli malgranda ol la hundo, la kato ne estu samkolora kiel la hundo (nigra hundo, blanka kato), ili reprezentu diversajn pozojn en movo (la hundo staras, la tigro kuŝas, la kato sidas ktp.). La diverskoloraj floroj kaj fruktoj estu naturaj — pro la ebleco disdoni ilin al la kursanoj.

En la unua leciono laŭ konversacia maniero de Ĉe oni instruas la pronomojn kaj la helpan verbon „esti": — Mi estas N. N., vi estas N. N., mi staras apud la tablo, ŝi sidas sur la seĝo ktp. Same la unuajn demandajn vortojn: Kiu estas mi? Kio estas la hundo? Kie kuŝas la tigro? Kaj ni havas la fundamentajn elementojn por instrui kaj konversacii: pronomojn, helpan verbon, substantivojn, adjektivojn, verbojn, poste eĉ participojn. Ekz.: La hundo estas nigra. Kia estas la kato? Kio estas la tigro? Kie ŝi sidas? Kiu li estas?

En la leciono pri participoj oni povas uzi la jam konatajn figuretojn; staranta hundo, kuŝanta tigro, sidanta kato. La respondoj estu kolektivaj, precipe en la unuaj lecionoj. Novajn elementojn oni klarigu per demonstrado kaj jam lernitaj vortoj.

La instruado laŭ la rekta metodo postulas de la instruanto spiritan forton, bonan humoron (oni ne forgesu, ke la kursanoj vizitadas la lecionojn post laboro, ofte eĉ lacaj, tial la lecionoj estu por ili refreŝigo), ĝi estas iom laciga, sed ĝi alportas ĝojon pro la atingita sukceso. La kursanoj ne nur ĝoje lernas, sed post la kurso ili kapablas memstare paroli kaj pensi en la lernita lingvo.

En la progresiga kurso oni povas traduki. Tiam oni jan konas la internacian spiriton de la lingvo. Traduki bone — laŭsence, ne laŭvorte! — estas ne tiel facila afero ne nur en naciaj lingvoj, sed ankaŭ en Esperanto!

Kiel multjara gvidanto de kursoj ankaŭ en Somera Kolegio de Esperanto en Doksy mi spertis, ke la rekta metodo estas la plej bona.

(ANTONÍN SLANINA)

MILDA JAKUBCOVÁ:

# PACEMA EPOKO

Ho, ne parolu pri l' epoko ora!
Ekzistis ĝi nek en pratempo fora,
nek en plej juna nia preterito —
ĝi restis sole nur fiktiva mito!

Sed ni en diamanta temp' nun vivas,
ĉar ĉiu terloĝanto tre aktivas
disdoni al homfratoj sian amon
ne sopirante laŭ merit' aklamon.

Ne estas plu natur' por ni sekreto,
ni ĝin komprenas eĉ sen interpreto:
Malkovris ni jam plurajn novajn mondojn
kaj servutigis por ni eterondojn.

Jen, kremo rekte de sur Lakta Vojo
al Tero por ni fluas! — Kia ĝojo!
Forestas zorgoj pri hejtad-problemo,
instalis oni ĝin laŭ sunsistemo.

Plej baldaŭ ni Venuson jam vizitos,
en ŝiau manon verdan flagon hisos.
Ni scias laŭ raporto lasta certe,
ŝi estras ankaŭ Esperanton lerte.

Dum loĝokupos Siriuson belan
poet' serĉanta vivon plej modelan,
li kantos pri betulo kaj paduso,
jus transplantotaj de la nordpoluso.

Militemulojn oni mobilizu,
ke ili Marson por si kolonizu!
Batalu tie ili reciproke!
Englutu ilin tuj infer' surloke!

MILDA JAKUBCOVÁ:

# MIKELANGELO

(1564—1964)

Post kvarcent jaroj sur marmoro glimas
sonetoj, kinjn skulptis via man'.
De via land' ĝis fora ocean'
sublima verko via man' pilgrimas.

Mizeran vivon portis vi humile
dum boliĝanta ĉirkaŭ vi epok'.
Allogis sole vin Karara rok'
kaj apud ĝi vi planis plej brilstile.

Per batoj vi pulsigis la marmoron,
diversajn fortojn trovis vi en ĝi:
obskurajn, belajn, ja eĉ Dian gloron.

Vi revis nur pri ŝtona poezi' —
absorbis arto tutan vian koron . . .
Ni danke rememoras vin, geni'.

ANTONÍN SOVA

# Kiu taŭzis al vi harojn?

Ĝardenon mian venis ŝi
    dum ĉesis flori ĉiu flor'.
Ĉagrena vagabond - - - la Sun' - - -
    al horizont' sin klinis for.
„Ho tre malfrue!“ diris mi.
    Sur kanoj velkas suno-bril',
en mi jam mutas ĉiu ĝoj',
    en herboj ĉesis birda tril',
herbej' odoras ete nur
    kaj akvojn kovras jam obskur'
kaj pasas plu de ombroj kur'
    kaj ĉio vana nur konkur' - - -
al fora land mi pretas jam,
    al ia verda insular',
mi hisas flagojn sur la mast'
    kaj blankajn velojn en ŝnurar'.

Printempe mi atendis vin . . .
    En horizonto zumis blu'.
El lumo kordojn streĉis mi
    por vian voĉon kapti plu.
Vi kie tiam vivis, diru?
    Trans kiuj malproksimaj maroj?
Vi kie vivis majajn tagojn?
    Kaj kiu taŭzis al vi harojn?
Kaj kie kantis varmaj noktoj
    en vian malfermitan domon?
Sopiris vane mia animo
    angora, ne aŭdante sonon.
Kaj nun, dum mi eĉ ne pensetis
    kaj ĉion tie ĉi forjetis
kaj nur por naĝi foren pretis,
    vi venas por ĉe mi vegeti?
Por ni jam ne plu pompas sun',
    montar' ne kantas nun.
Por ni herbejoj sen odor',
    por ni sen kantoj nia mar'.

Mi iras for kaj en suflor'
    aŭtunajn aŭdas fe-fanfarojn.
Mi iras serĉi Novan Regnon.
    Sed kiu taŭzis al vi harojn?

(Trad. Rud. Hromada)

BARDEJOV — Dum la pasinta lernejjaro ni klopodis antaŭ ĉio reinteresigi tiujn unuopulojn, kiuj iam estis jam adeptoj de nia ideo. En nia urbo kelkaj eĉ nun rememoras pri la prelego de Kola Ajayi el Afriko. Pere de siaj infanoj, kiujn ni instruas, ili sendis al ni fotografaĵojn pri la iama vigla movado en la urbo. Bedaŭrinde, ni ne sukcesis varbi la veteranojn kaj anigi ilin en nia rondeto. Post la malagrablaj spertoj el la pasinteco ili kredas, ke ni povas senobstakle disvolvi nian aferon, tamen ili volonte sendas siajn infanojn en la rondeton. Ni eĉ tian sintenon danke akceptas. La elementan kurson finis en la mezlernejo 12 kaj en la fundamenta lernejo 30 gelernantoj; instruis Inĝ. M. Zvara kaj mi. La kulturdomo, precipe la gvidanto de ĝia kultureduka sekcio, k-do J. Novák subtenas nin, do nia rondeto funkcias ĉe la Kulturdomo. Ĝi havas 15 anojn, inter ili 7-membran junularan grupeton. Kunvenoj ĉiumerkrede je la 18-a horo.

Ĉe la Domo de Pioniroj kaj Junularo sukcese laboras 30 membra E-rondeto, inkluzive de 13-membra infana grupeto. Kunvenoj ĉiumarde je la 18-a horo.

La junulara rondeto en la 3-a fundamenta lernejo aranĝis belan ekspozicion de siaj korespondaĵoj, gazetoj, libroj k. s. Ĝi vekis viglan atenton inter la neesperantista gelernantaro kaj instruistaro. Similan ekspozicion ni aranĝis en unu elmontra-fenestro en la urbocentro! (E. GRICH)

■

JIHLAVA — Alvenis dum lerneja jaro mia kolego instruisto kun demando: „Ĉu estus eble akiri pere de Esperanto belajn poŝtkartojn kiel materialon por instruado de geografio?" — „Kial ne", diris mi, „ni provu tion!" Kaj en kelkaj tagoj la gelernantoj de la sepa klaso dissendis 70 poŝtkartojn kun mallonga peto, diversdirekten al la delegitoj de UEA. Daŭris nelonge kaj jen — la leterportisto alportis belegan bildkarton el Belgujo! Ĉu vi povas imagi la ĝojon de la ricevinto kaj la envion de la ceteraj samklasanoj? Ĉiutage aperadis la infanoj en la direktorejo kun la demando, ĉu io alvenis.

Nia afero sukcesis. Malgraŭ tio, ke la taskoj de delegitoj de UEA estas tute aliaj, pli ol duono el ili plenumis la peton de niaj gelernantoj. Koran dankon al ĉiuj. Sed la infanoj ne plenumis sian promeson — ili simple rifuzis donaci la ricevitajn belajn kartojn al la lernejo! — „Ne gravas", diris ni, „multe pli valoras ilia unua bela rekontiĝo kun Esperanto!"

Poste ni fondis en nia lernejo Esperanto-rondeton, kiun kun sukceso frekventis 11 el tiuj gelernantoj. — Mi petas, sendu salutkarton al nia rondeto, vi subtenos nian belan ideon!

(ŠTĚPA PANSKÁ, 2. ZDŠ, Jihlava)

## ESPERANTLINGVA FAKA PRELEGO EN KOŠICE

KOŠICE — La 14-an de aŭgusto 1964 prelegis s-ro Peter van Bentum el Hago (Nederlando) en Entreprena grupo de Ĉs. scienca-teknika societo de Hutné stavby n. p. en Košice je la tempo „Unu miliono da postmilitaj loĝejoj en Nederlando". — La prelego estis akompanata per filmo pri domkonstruado en Nederlando. Ĉeestis proksimume 60 konstruteknikistoj, interpretis s-ano Inĝ. J. Werner.

■

MARTIN — Kun redaktoro Vesterland-Andersen el Kopenhago, kiu pasintjare partoprenis la solenaĵojn de Matica Slovenská, ankaŭ post lia hejmveturo daŭris vigla korespondado, precipe kiam la Teatro de Slovaka Nacia Revolucio el Martin prezentis en la Bratislavaa Televido la klasikan danan komedion „Jeppe de la monto". La fotojn kaj la tekstojn peris E-rondeto en Martin, kaj red. Andersen aperigis ilin en pli ol 100 danaj gazetoj kaj revuoj. Dum Pasko ĉi-jara li denove vizitis Ĉeĥoslovakion kaj la urbon Martin, kiel gasto de la tieaj E-rondeto kaj Slovaka Nacia Muzeo. Li vizitis Teatron de NR kaj interparolis kun geaktoroj. Poste li prelegis pri Danlando en la Uzinaj kluboj en Martin kaj Žilina. En akompano de oficistoj de SNM li vizitis la folklorajn vilaĝojn en Lip-

tov, kie lin ravigis precipe la „Elportado de Morena“. Kun reprezentantoj de E-rondetoj el Martin kaj Žilina (kie li estis oficiale akceptita en la urba Nacia Komitato) li vizitis la folkloran vilaĝon Ĉiĉmany. Nun li atendas la vizition de Inĝ. Jozefo Turzo, kiu komisiite de SNM entreprenos studvojaĝon tra Danlando pri la t. n. Skansen, kiun oni planas konstrui en Martin.

■

Ankaŭ la esperantistoj en Martin solenis la 20-an datrevenon de la Slovaka nacia revolucio. Ili aranĝis Esperantan renkontiĝon, kiun ĉeestis reprezentantoj de E-rondetoj ĉe kulturaj institucioj el Slovakio, pluraj gegastoj el la moraviaj E-rondetoj kaj s-ano Josef Sviták, sekretario de la Ĉs. E-Komitato el Praha.

La unuan tagon posttagmeze la partoprenantoj trarigardis la urbon kaj la novan konstruaĵon de la Uzina klubo de RSM; vespere estis akademio.

La akademion malfermis kaj la programon gvidis s-ano St. Špigút. Pri la Slovaka nacia revolucio parolis s-ano A. Čambál. La ceteraĵn, precipe literaturajn programerojn Esperante kaj slovake prezentis la geanoj de la E-rondeto. Post la paŭzo estis projekciitaj du mallongaj filmoj — pri kpt. J. Nálepka, heroo de USSR, kaj pri kelkaj batalintoj en la SNR, kiuj nun fervore laboras por nia socialisma socio.

La duan tagon antaŭtagmeze s-ano Sviták parolis pri la laboro de la ĈSEK kaj pri la perspektivoj de Esperanto en Ĉeĥoslovakio. La reprezentantoj de la rondetoj raportis pri la laboro de siaj rondetoj kaj diskutis pri aktualaj problemoj. S-anino J. Bartovská el Frýdek-Místek projekciis du amatorajn filmojn — pri la Universala E-Kongreso en Sofia en 1933 kaj pri la pasintjara E-tendaro de Svazarm en Lančov.

■

ZVOLEN — La geesperantistoj en Zvolen plurfoje klopodis fondi rondeton, sed ĉiam sensukcese — antaŭ ĉio tial, ĉar neniu organizaĵo aŭ entrepreno volis akcepti ilian rondeton sub sian zorgon. Nun la afero pliboniĝis. Dank' al s-ano Fr. Hropko, kiu laboras en la Urba centro por klerigo en Zvolen, kaj al ties estraro komenciĝis la 1-an de junio 1964 la unua oficiala kurso de Esperanto en Zvolen. Antaŭ la kurso estis dum preskaŭ du monatoj farata propagando kaj okazigita ekspozicio de esperantaĵoj, aranĝita de s-anoj Hropko kaj Uhljar.

La kurso progresis bone. Komence ĝi havis 13 anojn, sed poste aliĝis pluaj 14, por kiuj s-ano Hropko, la kursgvidanto, aranĝis kelkajn eksterordinarajn preparlecionojn, por ke ili povu viciĝi al la pli progresintaj dekomencaj gekursanoj. Kaj do partoprenis 27 personoj. La kurso daŭris ĝis la 1-a de septembro, poste oni fondis rondeton ĉe la kulturdomo — sindikata klubo de fervojistoj en Zvolen, kie la rondeto ricevis belan kubejon. Ses el la gekursanoj kun la kursgvidanto partoprenis la Internacian renkontiĝon en Szolnok, Hungario fine de aŭgusto ĉi-jare. (F. HROPKO)

## KIEL SKRIBI LA POPOLNOMOJN?

Rilate la skribadon de la popolnomoj, du manieroj regas en Esperanto. Unu grupo da esperantistoj, sub influo de sia gepatra lingvo, respektive ties ortografio, skribas ilin minuskle (ekz. bulgaroj, hungaroj ktp.). Alia grupo, ankaŭ sub influo de la gepatra lingvo, skribas la popolnomojn majuskle (Angloj, Ĉinoj, Vjetnamoj ktp.). Kiel skribis Zamenhof la popolnomojn? Ĝis 1911 li skribis ilin minuskle: „En Bjelostoko la loĝantaro konsistas el kvar diversaj elementoj: rusoj, poloj, germanoj kaj hebreoj“. Do post tiu jaro aperas en aliaj verkoj majuskla skribado de la popolnomoj. Ekzemple en Biblio: „Kaj la Egiptoj laborigis la Izraelidojn kruele“ (Eliro 1/13), k. s. Kompreneble la minuskloj suspektas la Anglojn pri kvazaŭ falsado. Kaj ambaŭ skoloj daŭrigas en siaj manieroj. La problemo do restas nesolvita kaj ĝi daŭros, ĝis kompetenta institucio deklaros deviga tiun aŭ tiun manieron.

(JÁN VALAŠŤAN DOLINSKÝ)

Red. rimarkigo: Ankaŭ ni konside-

ras sekvinda nian nacilingvan uzon kaj skribi la popolnomojn majuskle; por ni ĝi ŝajnas pli natura, ĉar ĉe ni la popolnomoj tamen estas sentataj pli kiel propraj personaj nomoj ol kiel ordinaraj substantivoj. (VeGa)

**KORESPONDI DEZIRAS**

20 ok-jaraj geknaboj de la 1-a klaso, kie Esperanto estas devige enkondukita 4 foje semajne po 20 minutoj, serĉas samaĝulojn por interŝanĝo de bildkartoj kun simplega teksto. Adreso: Sovetunio, IVANKOVCI, Krasilov r-no, Ĥmelnicka obl., Esperanto.

S-ano Atanas Stojanov Varbanov, konstruisto - ĉarpentisto, v. LEHĈEVO, Mihajlovgrad, Bulgario, dez kor en E, germane aŭ ruse. Interesoj: naturo, kutimoj.

S-ro Ferenc NAGY, 18-jara, Budapeŝto XI, Puskás u. 4—6, kaj S-ro János JÁRAI, 18-jara, Budapeŝto XI, Puskás u. 8, Hungario, deziras leteramikiĝi kun ĉarmaj fraŭlinoj precipe el afrikaj kaj ekzotikaj landoj.

Esperanto-rondetoj en Ĉeĥoslovakio, kiuj posedas E-kestojn kaj dezirus pruntepreni „migrajn elpendaĵojn" skribu al Esperanto-kurso, Chronotechna, NOVÉ MĚSTO nad Metují. La elpendaĵoj estas faldeblaj kaj komplete preparitaj. Vi nur pendigos ilin en viajn kestojn. Skribu dimensiojn.

ESPERANTO-ASOCIO estis fondita en Tanganjiko. Ĝia adreso: TANGANJIKA ESPERANTO-ASOCIO, P. O. Box 2072, DAR-ES-SALAAM, Tanganjiko, Afriko.

ESPERANTO-RUSA VORTARO DE ZAMENHOF SERĈATA. — Sekretario de Akademio de Esperanto Dr. A. Albault serĉas Esperanto-rusan vortaron de Zamenhof en unu el la eldonoj 1909 au el jaroj sekvantaj. Li proponas kompense aŭ Rusan-Esperantan vortaron de Zamenhof en dua aŭ tria eldono (1896 kaj 1900), aŭ Fundamenton de Esperanto, naŭan eldonon 1963, aŭ alian libron. Ofertu al T. Pumpr, Thälmannova 8, Praha 6.

---

La bildo sur la titolpaĝo: Belega kastelo VRANOV nad Dyjí en sudmoravia regiono. Fotis D-ro F. Kubica.

# *Ankaŭ ili estas samideanoj*

Estus ideale, se ĉiuj kursfinintoj kaj memlernintoj aliĝus al iu rondeto, vizitadus la kunvenojn kaj partoprenadus aktive la vivon de la rondeto. Tamen, en la praktiko ni vidas malsamon: nur eta procento el la kursfinintoj, kaj eĉ pli malgranda nombro aktivas en ili. Sekve tiuj, kiuj nur rondetanon aŭ klubanon konsideras esperantisto, faras senesperan mangeston pri tiaj ĉi „dizertuloj" kaj rezignas pri ili, konsiderante ilin semo, falinta sur malfekundan teron kaj bedaŭrante la penon pri ilia instruado.

Ni prikonsideru tiujn ĉi adeptojn de nia afero trankvile kaj sen antaŭjuĝo. Ja ne ĉiu povas vizitadi la rondetkunvenojn ĉu pro okupiteco, nekonvena kunventempo, nebona sanstato aŭ iu tute persona obstaklo. Kaj finfine iuj homoj tute ne estas societemaj, sed tamen sentas sinceran emon al nia afero, havas intereson pri la vivo de en-kaj eksterlandaj esperantistoj, ili legas, korespondas . . . Kvankam izolaj, ili restis kaj estas s-anoj.

Ni ne rezignu pri tiuj ĉi izoluloj — ja male! Ni metu la zorgon pri ili inter la erojn de la agadplano de la rondeto. Ni klopodu unue ekscii pri ili, poste membrigi ilin en nia rondeto, eĉ se ili ne loĝas en ĝia sidejo (pluraj rondetoj tion kun sukceso jam faras); ni sendadu al ili nian kluban bultenon aŭ alian informilon, ni invitadu ilin al pli gravaj entreprenoj, ni informu ilin pri novaj libroj kaj pri la abonebleco de Esperantaj periodaĵoj ktp. Eble ne tuj la unua provo pri kontakto alportos la deziratan sukceson, tial ni procedu pacience kaj ne rezignu post la unua malsukceso; post konvinkiĝo, ke nia intenco pri ili estas sincera kaj ke ni deziras helpi

al ili kaj ne nur elruzi de ili la membrokotizon, pluraj el tiuj izoluloj ĉesos heziti kaj aliĝos al la rondeto je ambaŭflanka profito, kaj iam-tiam vizitos iun el la aranĝoj.

Kaj ni ne forgesu, ke por krei bonan kontakton tre ofte bone efikas samideana vizito ĉe tiaj izoluloj — tio cetere povas esti unu el la formoj de la aktiveco en la rondeto (gratulo okaze de persona jubileo ktp.).

Por multaj tio ĉio estas novaj formoj de laboro, sed ni ne darfas senĉese paŝi sur la samaj malnovaj vojoj, ni serĉu novajn manierojn kiel alpaŝi la homojn, plifortigi niajn vicojn, kaj la rezultoj esperebleneforestos. (VeGa)

# *Sur la verda herbejar'*

**(Na tý louce zelený)**

VIGLE

SUR LA VERD - A HERB - EJ - AR' JEN SIN

PAŜT - AS CERV - A PAR', PAŜT - AS I - LIN

ARB - AR - IST - O EN LA VERD - A VEST-AĴ - AR',

VEST - AĴ - AR', PAŜT - AS I - LIN ARB - AR -

IST - O EN LA VERD - A VEST - AĴ - AR.'

2. Min atendu, amatin',
cervo jen — mi pafos ĝin,
por ke al vi povu plaĉi,
jako verda (kiel pin'),
por ke al vi povu plaĉi
jako verda kiel pin'.

3. Min atendu, mia kor',
mi pafcelos je lepor',
por ke al vi povu plaĉi
ĉapo verda (kiel flor'),
por ke al vi povu plaĉi
ĉapo verda kiel flor'.

ESPERANTO-AGADO, metodologia helpilo VI - XII 1964
Redakcio: ESPERANTO, poŝtfako 80, MARTIN, Ĉeĥoslovakio
Administracio: ESPERANTO - GRUPO GRAFIA, JIHLAVA, ĈEĤOSLOVAKIO

Q-17*42150

J. V. Dolinsky

# *NOVJARA SALUTO*

DA PROSPEROJ GRANDA ARO
KAJ DA SANO PLENA MARO
VIN FELIĈA
RIĈE-RIĈA
IGU EN LA JARO

KAJ SE TAMEN, MIA KARO,
TRAFUS VIN MALSUKCESARO,
FIRMA ESTU,
TIA RESTU
DUM LA TUTA JARO!

SE VIN VOLUS ĈAGRENARO
TURMENTADI (FIA FARO!),
ĈIUFOJE
RIDU ĜOJE
EN LA NOVA JARO!